22ª Jaro - Nº 8 (234) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Aŭgusto 1936

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908ª

DIREKTORO :
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

Oficiala Organo de
REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA



Societo sen profita celo. — Belga Ŝtatgazeto 27.6.36.

BONA VENTO

## Ŝipestroj kaj Ŝipistoj lerte turnu la Velojn !

Estas la epoko de la libertempo, kaj mi pensas, ke multaj el niaj samideanoj, nun jam preparas siajn kofrojn kaj valizojn por iri, ĉu ĉe l'marbordon, ĉu en la kamparon, ĉu en la eksterlandon.

Kaj, ĉar mi supozas do ĉe vi, kiel ĉe mi, tiun optimisman senton, kiun oni havas antaŭ tiu momento, unike rava en la jaro, kiam oni povas senzorge foriri, mi metis super tiun artikolon... « Bona Vento ».

Tio instigos eble kelkajn inter vi daŭrigi la legadon, ĉar vi ne devas timi, ke per plor-artikolo, mi forigu la bonan atmosferon en kiu vi nunmomente vivas.

Ĝuu ĉiuj plene viajn libertempajn tagojn, sed, ke por Esperanto, kiel por via ordinara ĉiutaga vivo, tiu plene senzorga ripozo, estu la ekkapto de novaj fortoj por la granda laboro, kiu nin ĉiujn atendas, same en Esperantujo, kiel en nia laborejo aŭ oficejo.

La optimisma tono de tiu ĉi artikolo tamen ne nur dependas de la momento en kiu mi ĝin skribas. Antaŭe jam, mi diris al vi, ke neniam eble, en multaj lastaj jaroj, Belga Ligo Esperantista spirite travivis tiajn bonajn momentojn, kiel nun. La lastaj semajnoj denove estis okazo por multaj novuloj ekinteresiĝi pri nia movado. Unufoje pli, la graveco de bone sukcesinta Kongreso montriĝis plej klare.

Belga Esperanto-Instituto, kiel Belga Ligo Esperantista, sentis diversmaniere, sed same klare, ke la intereso en la lando denove akriĝis.

Sed, se tiuj momentoj en nia movado estas ĝojigaj ili samtempe estas danĝeraj. Ekinteresiĝo de nova adepto estas ja ĝojiga. Sed nova adepto tiel facile ŝanceliĝas. Li preskaŭ certe ŝanceliĝos, se ni lasas lin barakti, se ni ne etendas al li helpeman manon, se ni ne, iele, metas lin en kontakto kun membroj de la Ligo, kiuj povas doni al li la kuraĝon por daŭrigi, ĝis tiu momento, kiam li estos sufiĉe forta, por ne plu bezoni nian helpon.

Tio estas vera por izola esperantisto. Tio ankaŭ estas vera por membro de grupo, kiu venas unu-, du-, tri-foje, kaj poste forlasas la movadon, se ne klare evidentiĝis intertempe por li, la utileco de lia ellernado de nia lingvo.

Kaj tial ni faras alvokon al la grupestraroj por ke ili, kiel eble plej multe, interrilatu, ĉe l'kunmeto de la grupaj programoj, por ke la membraro havu ofte la okazon interkonatiĝi, kun aliurbaj samideanoj ; dum la vintro, invitante paroladistojn el la najbaraj aŭ amikaj grupoj ; dum la somero, organizante ekskursojn, dum kiuj du aŭ pli da grupoj povas renkontiĝi.

Por ekkoni nur samurbanojn, por paroli kun ili, neniu bezonas Esperanton. Sed la ekkono de amikoj aliurbaj aŭ, se eble, eĉ alilandaj kaj la interparolo kun ili, per komuna lingvo, tio nepre kaj certe interesos la novajn varbitojn.

Ni diru tion malkaŝe tie ĉi : Estis la politiko de la estraro de Belga Ligo dum la lastaj monatoj, tuj kapti la okazon, kiam novulo venis al ni, skribi al li, viziti lin, ekkonatiĝi kun li kaj varbi lin definitive por nia movado. Sed la estraro konsistas nur el kelkaj malmultaj personoj, kiuj ne kapablas iri ĉien aŭ esti ĉie nek korespondi kaj babili kun ĉiuj.

Ankaŭ la grupestroj, — la ŝipestroj kiel ni ilin nomas, — havas tie ĉi rolon plenumotan. Kaj pri ili ni ja estas certaj, ke ili plenumos tiun rolon.

Sed vi, Leganto Kara, vi ankaŭ havas rolon. Vi estas la multnombra ŝipistaro, kiu devas helpi la gvidantojn. Nur per via kunhelpo, la ŝipo restos en la bona direkto, por ke la entuziasma vento ŝveligu la velojn verdajn de nia barko.

Ĉar estas nun la libertempa periodo, ni havas tutan monaton por pripensi tiun ĉi veraĵon, kaj por preni la firman decidon, helpi ĉiuj al la akiro de nia definitiva venko.

Maur. JAUMOTTE.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

## LEĜIGO DE BELGA LIGO ESPERANTISTA

Sekve al la decido de la ĝenerala kunveno de Belga Ligo Esperantista, la estraro, nuna administrantaro, faris la necesajn paŝojn por leĝigi la Reĝan Belgan Ligon Esperantistan, kaj, de la 27-a de Junio, kiam aperis la statutoj en la « Moniteur Belge », nia nacia Ligo estas « **Societo sen Profita Celo** », kiu do ĝuas la avantaĝojn de la Leĝo de la 27-a de Junio 1921.

Ĝia oficiala laŭleĝa sidejo estas en la **Esperanto-Domo**, 21, Willemsstrato, Antverpeno, sed la membroj ĉiam sin turnu al la Sekretariejo, nun provizore: 44, Avenuo De Bruyn, Wilrijck-Antverpeno.

## La Kongreso de La Louvière.

En la antaŭa numero jam aperis kompleta raporto pri nia jubilea kongreso.

Se ni diras kompleta, ĉio komprenenble estas rilata. Kaj kiel tuj post apero la aŭtoro rimarkis la forreston de la nomo de S-ro Tassin en unu aŭ du okazoj, — tiu S-ro Tassin ja estis ĉie —, verŝajne forrestis ankaŭ kelkaj aliaj detaletoj.

Ĉiuj tre certe senkulpigos pri tio. Pri la ĝenerala kunveno de Belga Ligo, ni tamen ricevis de S-ro Poupeye, por la arĥivoj, detalan raporton, el kiu ni ankoraŭ volas ĉerpi jenajn paragrafojn :

Tiu kunsido estis ĉeestata de multnombra samideanaro, ĉe kies unua vico, oni rimarkis S-ron Parent, prezidanton de la Turisma Asocio.

Inter tiuj, pri kies foriro memorigis la Prezidanto estas nia Reĝino Astrid, kara edzino de nia Honora Prezidanto kaj fratino de nia samideano Princo Karlo de Svedujo; S-ro Merchant, prezidinto de I. C. K.; S-ro Kreuz, direktoro de U. E. A.; S-ro Van Melckebeke, malnova pioniro de nia belga movado; S-ro W. Van der Biest, modesta, sed valorplena helpinto en niaj rangoj, kaj, fine, S-ro H. Petiau, la fidela kaj kompetenta sekretario de nia B. L. E. dum preskaŭ kvaronjarcento. Memore de tiuj dolorplenaj funebroj, la kunvenantaro staris, dum minuto, en plena emociiga silentado.

Post tio, S-ro Kempeneers aplaŭdigis la nomon de S-ro Jaumotte, pro la reguleco, kun kiu li eldonas nian organon, kaj la zorgo, kun kiu li flegas la kason, dum li nun ankaŭ « ad interim » akceptis la sekretariecon.

Inter la eksterlandaj multnombraj samideanoj, kiuj ĉeestas, la Prezidanto salutis ankaŭ S-ron Blaise, kiu, de longaj jaroj, loĝas en Britujo, sed kiu estas malnova belga pioniro.

La Prezidanto legis multajn salutleterojn i. a.: de la 28-a Universala Kongreso (Vieno); de Brita Esperanto-Asocio; de Ĉekoslovaka Esp. Asocio; de Germana Esp. Ligo en Ĉekoslovakio; de la Societo Franca por la Propagando de Esperanto; de Germana Esp.-Asocio; de Nederlanda Esp.-Kongreso; de la Aŭstria Esp.-Federacio kaj de Literatura Mondo, same kiel de diversaj privatuloj.

Inter la eksterlandaj samideanoj, kiuj salutis la kongreson, ni nomu : S-ron A. Humez (Franca Esperantistaro); S-ron Blaise (Britaj samideanoj) S-ron Centnersver (Polaj Esperantistoj, kiu faras alvokon por ĉeesti la Universalan Kongreson en Varsovio dum 1937); S-ron Jacobssohn (Danzigano); S-ron Vajda (Hungaro) kaj, fine, S-ron Masselier, en la nomo de la Franca Asocio de Blindaj Esperantistoj kaj de la tutmonda Esperantistaro.

Ĉe la diversajoj, oni aŭdis S-ron Alofs, kiu raportis pri siaj klopodoj ĉe « Ecole des Arts et Métiers » en Bruselo, por doni kurson de Esperanto. Administraj malfacilaĵoj malhelpis ĝis nun efektivigon. S-ro Jacobssohn proponas apogon de la klopodoj de S-ro Alofs.

Ch. P.

## XXVI=a Belga Esperanto=Kongreso

**Antverpeno, 15-16-17 Majo 1937**

### Listo de Kongresanoj.

| | |
|---|---|
| 55. S-ro Marcel Roost | Antverpeno |
| 56. S-ro Gustave Vermandere | Antverpeno |
| 57. S-ino José Vermandere | Antverpeno |
| 58. S-ro E. Urbach | Antverpeno |
| 59. F-ino Juliette Van Eeckhoven | Antverpeno |
| 60. S-ro Louis Ritschie | Antverpeno |
| 61. S-ro Karel Amerijckx | Antverpeno |
| 62. S-ino Karel Amerijckx | Antverpeno |
| 63. S-ro Jos. Snijkers | Ostendo |
| 64. S-ro Georges Groothaert | Bruĝo |
| 65. S-ino Jeanne Groothaert | Bruĝo |
| 66. S-ro G. Derèse | Gento |
| 67. S-ino G. Derèse | Gento |
| 68. F-ino Esther De Geyter | Gento |
| 69. S-ro Prosper Van Genechten | Hasselt |
| 70. S-ino André Tassin | La Louvière |
| 71. S-ro André Tassin, jr. | La Louvière |
| 72. S-ro Camille Cafonnette | Charleroi |
| 73. S-ro Armand Penninck | Charleroi |
| 74. S-ro Willy Boffejon | Antverpeno |
| 75 S-ro Georges Van den Bossche | Antverpeno |
| 76. S-ino José Van den Bossche | Antverpeno |
| 77. S-ro Egid Wouters | Antverpeno |
| 78. F-ino Dina Janszen | Antverpeno |
| 79. F-ino Yvonne Kaf | Antverpeno |
| 80. S-ro Charles Van der Veken | Antverpeno |
| 81. S-ino Jeanne Van der Veken | Antverpeno |
| 82. S-ro Willy De Schutter | Antverpeno |
| 83. S-ino Germaine De Schutter | Antverpeno |
| 84. S-ro Charles Decoster | Bruĝo |
| 85. S-ino Clémentine Decoster | Bruĝo |
| 86. F-ino Irène Verhelst | Bruĝo |
| 87. F-ino Cécile Verhelst | Bruĝo |
| 88. S-ro Jef Decoster | Bruĝo |
| 89. F-ino Suzanne Vanden Berghe | Bruĝo |
| 90. S ro Vital Jéhansart | Bruĝo |
| 91. F-ino Suzanne De Kersgieter | Bruĝo |
| 92. S-ro Joseph Drubbel | Bruĝo |
| 93. S-ro Guy Groothaert | Bruĝo |
| 94. S-ro Franz Barbé | La Louvière |
| 95. S-ro Edgard Jacques | La Louvière |
| 96. S-ro Charles Schietz | La Louvière |
| 97. S-ro Roland Bonge | La Louvière |
| 98. S-ro Jules Bonge | La Louvière |

Krome, ni jam ricevis la aliĝilojn de S-ro Fr. J. Haselier (Kerkrade); D-ro Desmoulin (Douai); S-ro Hubert Karcher (Douai); S-ro kaj S-ino Em. Boone (Mouscron); S-ro J. Centnersver (Valenciennes); S-ro P. Hanquet (Jodoigne) kaj G-roj Mortelmans (Antverpeno) sed, ĉar ni ne jam ricevis la monon sur P. Ĉ K. 1119.10, ni citos ilin en nia listo de la proksima monato.

Entute jam aliĝis **107**.

## KOTIZOJ

| | |
|---|---|
| Bonfaranta membro B. L. E. . . . | Fr. 100.— |
| Membro-abonanto . . . . . . . | Fr. 30.— |
| Familia membro . . . . . . . . | Fr. 15.— |
| Simpla Membro U. E. A. | Ĉiuj membroj de B. L. |
| Membro kun jarlibro . . . . . | Fr. 22.— |
| Membro-abonanto . . . . . . | Fr. 50.— |
| Membro-subtenanto . . . . . . | Fr. 175.— |

## Oscar Van Schoor mortis



La tioma en la vico... estis la titolo de artikolo pri nia bedaŭrata amiko Henri Petiau.

La vico ne jam estis tiam finita. Denove nia Ligo, kaj, kun ĝi, la tuta belga samideanaro, ploras, pro la morto de eble sia plej malnova pioniro.

S-ro Oscar Van Schoor, kiu, apenaŭ 63-jara mortis en Antverpeno, estis efektive unu el la unuaj Esperantistoj en nia lando.

Jam antaŭ ol nia internacia lingvo iĝis konata en niaj regionoj, li estis Volapükisto, kaj kiam tiu klopodo montriĝis nesukcesigebla, li tamen, pro tio, ne dubis pri la ebleco de internacia lingvo.

Kaj kun entuziasmo, li eklernis duan, feliĉe multe pli facilan, internacian lingvon, nian karan Esperanton.

Tuj ni vidas lin en la unuaj rangoj de la Antverpena esperantistaro, kiel unu el la plej aktivaj kunlaborantoj en la « Antverpena Grupo ».

Kiam, en Belga Ligo, en 1905, okazis la skismo pro la « Ido »-demando, kaj kiam la prezidanto tiama de Belga Ligo forlasis nian movadon kun kelkaj estraranoj, S-ro Oscar Van Schoor iĝis kasisto de nia Ligo.

Kiam Komandanto Lemaire tiam kunprenis « Belga'n Sonorilo'n », kiun li cetere kreis, S-ro Van Schoor estis, kun Amatus Van der Biest, kun Frans Schoofs, kun Champy, unu el tiuj, kiuj propramove, kaj propramone kreis « Belga'n Esperantisto'n », kiu, nur post la milito, iĝis nia ĉies proprajo.

Skizi la laboron de Oscar Van Schoor en nia Ligo kaj en nia organo, en la antaŭmilita epoko, vere ne estas eble.

Sed, krom la laboro, kiun li tiel plenumis, li ankaŭ estis lerta verkisto. Ni posedas belegan tradukon de li de « Van Zon Zaliger » de René Vermandere, kaj, krome, multajn poeziojn kaj kantojn. Li tradukis preskaŭ ĉiujn plej konatajn flandrajn popolkantojn kaj, tiel, multe helpis al la agrabligo de la grupkunvenoj.

Post la milito, la kunlaboro de Oscar Van Schoor ne plu estis tiel aktiva, sed tamen, li, en 1928, prezidis la Lokan Kongresan Komitaton de la 20-a Universala Kongreso, en Antverpeno.

Antaŭ kelkaj jaroj, li iĝis Lingva Komitatano kaj Administranto de B.E.I.

Ciuj, kiuj lin konis, memoros ĉiam la neforgeseblan bonhumoron de la kara mortinto. En kiu ajn situacio, en kiu ajn diskuto, Van Schoor havis, je la trafa momento, la « mot pour rire ».

Tio tute ne malhelpis, ke, en la apotekistaj rondoj, same kiel en tiu de la popolhistorio, Van Schoor estis konsiderata kiel unu el la plej seriozaj kaj plej talentaj kunlaborantoj.

Kun malĝojo, la pli junaj en la movado nun konstatas, ke jam pli kaj pli mallarĝaj iĝas la rangoj de tiuj pioniroj, kiuj, jam antaŭ la milito, apartenis al nia movado. M. J.

## SUR LA TOMBO DE HENRI PETIAU



Multaj amikoj, kiuj ne kapablis ĉeesti la enterigon de nia amiko Henri Petiau, esprimis la deziron, ke, je iu okazo, oni grupe iru al la enterigejo, por intima ceremonio ĉe la tombo.

La administrantaro de Reĝa Belga Ligo Esperantista decidis inviti la grupojn por la 6-a de Septembro proksima, en Gento.

Ni estas certaj, ke ne nur la gvidantoj de la grupoj volos partopreni al tiu intima, sed tamen nepre necesa honorigo de nia bedaŭrata ĝenerala Sekretario, sed ke multaj geanoj volos kuniri.

Ni tial invitas la grupestrarojn, organizi, por tiu tago, ekskurson al Gento, al kiu povos partopreni ĉiuj membroj.

Post la ceremonio, la vizitantoj restos kune, por fari iun aŭ alian viziton, pri kiu ni pli detale parolos en la sekvanta numero.

Kaj, tiel, en vere esperanta atmosfero, la ceremonio sur la tombo de Henri Petiau, estos plia okazo por la esperantistoj de la diversaj grupoj, pli bone interkonatiĝi kaj interfratiĝi.

# BELGA KRONIKO

## Grupa Kalendaro.

√ ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 21 h. : kunsido laŭ indikita programo.

Sabaton, la 1-an de Aŭgusto : Parolata Revuo, kun ĉefartikolo de S-ro Van Dijck.

La 8-an : intima kunsido.

La 15-an : Ĉielirtago : ne okazos kunsido.

La 22-an : Preparo akcepto Nederlandaj samideanoj.

La 23-an : Vizito de la Nederlandaj samideanoj.

La 29-an : Libertempaj rakontoj.

Dimanĉon, la 6-an de Septembro : ekskurso al Gento, okaze de la ceremonio, je l'memoro de S-ro Petiau.

√ BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59; KUNVENEJO : Kafejo « Vlissinghe » Bleekersstraat, 2, rue des Blanchisseurs.

Kunvenoj dum Aŭgusto, ĉiuj en la kunvenejo :

Mardon, la 4-an : a) Legado kaj Klarigado de « Belga Esp. » (Prez. S-ro Ch. Poupeye); b) Memoraĵoj pri la Militjaroj. (Prez. S-ro G. Groothaert).

Mardon, la 11-an : Kantvespero, gvidado : F-ino A. Boereboom ;— fortepiano : S-ino Ch. Poupeye; violono : S-ro Albert Hasenbroeckx. Dum la ripozoj Poŝtmarka borso.

Mardon, la 18-an : Literatura Vespero — Premioj (Prez. F-ino M. Vanden Berghe).

Mardon, la 25-an : Parolado de S-ro Henri Van Roye, pri « Floroj » (Prez. F-ino Y. Thooris.)

N. B. La grupa BIBLIOTEKO estas malfermita ĉiumarde, de la 19, 30-a ĝis la 20-a, en la grupa sidejo. Bibliotekistoj : S-roj Ch. kaj J. Decoster kaj F-ino M. Vanden Berghe. Tie ankaŭ samtempe : vendado kaj mendado de esperantaĵoj : libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, k. t. p.

√ BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30-a h.

Lundon, la 3-an de Aŭgusto : Vizito de la samideanoj de Internacia Ligo de Amikeco. Interkonatiĝa vespero.

Dimanĉon, la 4-an : Ekskurso al Alsemberg kaj Sep Akvoj, sub gvidado de S-ro Loeckx ; vizito de la « Brabantaj Ardenoj ». La anoj de ĉiuj bruselaj grupoj, kaj tiuj de Internacia Ligo de Amikeco kunvenu en Calevoet (Uccle-Ukkel) je la fino de la tramo linio 9, je la 10-a horo matene.

Lundon, la 10-an : S-ro Swinne prelegos pri la « Internacia mona problemo ».

Lundon, la 17-an : Kantvespero. S-ro Hart rezervas surprizon.

Lundon, la 24-an : Adiaŭa vespero je la honoro de la amikoj el Ligo de Amikeco. S-ro Jacobsohn prelegos.

Lundon, la 31-an : S-ro D-ro Kempeneers prelegos pri la Internacia Kongreso.

## Grupaj Raportoj :

√ ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — La 16-an oni reaŭdis la koncerton aŭdigitan kelkajn semajnojn antaŭe de S-ino Lucette Faes, S-ino Van der Veken, S-ro Ameryckx kaj G-roj Boeren, tiuj ĉi tamen nun forrestis, pro malsaneto de S-ino Boeren.

La 23-an, S-ro Jaumotte donis la lastajn klarigojn pri la kongreso kaj promesis ankoraŭ sendi cirkulereton al ĉiuj Antverpenaj partoprenontoj pri forirhoro k. c.

La 6-an de Junio, oni dum la parolata revuo aŭdis detalan raporton pri la kongreso.

La 13-an grupo da membroj iris al la jara foiro kaj, kiel kutime, sin bone amuzis.

Sabaton, la 20-an de Junio, F-ino Maria Jacobs tre lerte faris paroladon pri « Borgerhout », antaŭurbo de Antverpeno, kiu iĝis komunumo antaŭ cent jaroj. Ŝi vekis grandan intereson per la tre malmulte konataj detaloj, kiujn ŝi sciigis pri la vivo de Antverpeno kaj de ĝiaj antaŭurboj en la antaŭaj jarcentoj. S-ro Jaumotte kore dankis ŝin.

La 27-an, okazis la diplomdisdono al la lernantoj de la kurso de S-ro Vermuyten : Akiris la plej grandan meriton : F-ino Yv. Kaf ; la grandan meriton : F-ino Dina Janszen; la meriton : S-ino Egenes kaj S-ro Delvaux. S-ro Jaumotte bonvenigis la lernantojn kaj gratulis la profesoron kaj aldonis kelkajn praktikajn konsilojn.

S-ino Van der Veken kaj G-roj Ameryckx sukcesplene ludis unuaktan teatrajeton « Amelio », tradukitan de S-ino Van der Veken.

Sabaton, la 4-an de Julio, la parolata ĵurnalo ne okazis, pro la tramstriko kaj la frua forveturhoro de l'ekskurso al Rotterdam.

Dimanĉon, la 5-an, okazis belega ekskurso per bela aŭtomobilego, kiu plena je membroj de la grupo foriris, je la 7-a, el Antverpeno, renkontis, je la 10 1/2, antaŭ la urbdomo de Rotterdam, gravan delegitaron de la tiea Unuiĝo « La Espero ». En la plej agrabla atmosfero sekvis granda rondirado en Rotterdam. Ĉe la komuna manĝo, la Prezidanto S-ro H. Ras diris ĉarmajn vortojn al la Antverpenanoj kaj S-ro Jaumotte respondis per kora dankvorto kaj per esperesprimo, ke, la 23-an de Aŭgusto, multnombraj estos ankaŭ la Rotterdamanoj, kiuj vizitos Antverpenon.

De Rotterdam, oni daŭrigis la vojaĝon al Hago, kie bonvenigis la Antverpenanojn G-roj Bramkamp, la bonaj amikoj, kiuj regule ĉeestas niajn kongresojn kaj kiuj kondukis ĉiujn hejmen en Scheveningen, kie, en la privata domo, la ĉarma F-ino Anny Bramkamp zorgis por agrabla « teo ».

Post promenado ĉe la marbordo, oni adiaŭis la familion Bramkamp kaj revojaĝis al Antverpeno, kie oni alvenis malfrue, sed kontentaj pri la bela tago.

Sabaton, la 11-an, F-ino Hélène Hofkens interese prelegis pri Felix Timmermans, la flandra aŭtoro de « Pallieter » kaj multaj aliaj romanoj. Lerte, ŝi skizis la beletristikan figuron de Timmermans kaj poste legis ekstrakton el ties verkaro.

S-ro Boffejon, vicprezidanto dankis ŝin kore kaj citis ŝin, kiel ekzemplo. S-ro Jaumotte, kiu nur malfrue envenis, tiam, antaŭ staranta ĉeestantaro, anoncis la morton de S-ro Oscar Van Schoor kaj diris la funebran paroladon.

Lundon, la 13-an, okazis en la preĝejo S-ta Antonio de Padua, la funebra meso, okaze de l'enterigo de nia bedaŭrata samideano. La tuta preĝejo estis plenplena. Multaj reprezentantoj de societoj historiaj kaj folkloraj, gviditaj de D-ro Sabbe, muzeestro, diversaj profesiaj delegacioj kaj aro da samideanoj ĉeestis. Inter tiuj ĉi lastaj, estis la sekretario-kasisto de « Belga Ligo Esperantista », S-ro Jaumotte, kiu, kiel Prezidanto, kaj kun S-ro Faes, sekretario, kaj impona membraro de « La Verda Stelo », reprezentis la belgan movadon ; S-ro Vermandere, adm.-Prezidanto de « Belga Esperanto-Instituto » kaj delegito de U. E. A. en Antverpeno kaj la malnova samideanino, S-ino Elworthy-Posenaer.

√ BRUĜO. — **« Bruĝa Grupo Esperantista », Reĝa Societo.** — La kunvenoj de la 12-a, 19-a kaj 26-a de Majo okazis en Muntpaleis, kaj estis dediĉataj al dancripetado sub gvidado de Ges-roj De Vooght, kaj kantado sub gvidado de F-ino A. Boereboom kaj S-ino Poupeye, kiel preparo al la kongresa festo en La Louvière.

La 2-an de Junio en Kafejo « Vlissinghe » sub gvidado de

## La Grafino de la Danc'.

**Dediĉita al F-ino Anna B. el Nederlando.**

*Memorajo de la XXV-a Belga Kongreso.*

Ĉe l'a Balo mi min trovis kun ĝojego ĉe la kor'
Ĉar jen staris ĉarm-bukedo, kaj belega ĉiu flor'.
Subite jen vidiĝis flav-vestita sorĉa roz',
Kaj Anna estas ŝia nom', gracia ŝia poz'.

*Rekantajo.*

Ho Anna, Anna jen staras vi
Donu la ĝojon kaj dancu kun mi
Skueto alloga de via kapet'
La tuŝo velura de via manet'
Instigas al danco — raviga kun vi:
Ho Anna, Anna dancu kun mi.

Jen kaptiĝis tut-avide etendita brak' de ŝi
Kaj dum gaje ni dancadis, dolĉajn vortojn aŭdis mi
«Ĉu plaĉas kun mi danci» diris ŝi kun bonhumor':
Responde mi nur premis ŝin pli forte al la kor'.

Ho Anna, Anna k. t. p.

Finiĝis Kongreso, ni nun iras for,
Sur perono ni staras — malgaja la kor'
Ĉu ree la sorto permesos al mi
Troviĝi ĉe Balo kaj danci kun ŝi?
Jen la sopiro kaj jen la romanc'
Ŝi estas por mi « La Grafin' de la Danc' ».

Ho Anna, Anna k. t. p.

H. Moy Thomas.
Junio 1936.

---

S-ro Poupeye, la partoprenintoj al nia XXV-a. en La Louvière donis laŭvice impreson aŭ rakontis anekdoton pri la agrablaj kongrestagoj. La Postkongresa atmosfero regis inter la 40 ĉeestantoj kaj la vespero agrable finiĝis per kantado, sub la direkto de la simpatia kaj gaja grupano S-ro Moj. Thomas.

La 9-an, la Grupo havis la honoron kaj plezuron akcepti S-ron Blaise, el Morden-Britujo. Unue S-ro Douchamps, nova grupano, surprizis la ĉeestantojn per interesplena parolado pri « Diamantoj ». La parolanto majstre pritraktis tiun sciencan temon kaj ĝin lerte klarigis per oportunaj skizoj. Li rikoltis varman aplaŭdon kaj sincerajn gratulojn, al li direktitaj, nome de ĉiuj, de la Prezidantino F-ino Thooris. Por fini tiun interesplenan kunvenon, S-ro Blaise faris konvinkan pledadon por U. E. A. La 40 ĉeestantoj dankis la estimatan parolanton pro la bona koncepto, kiun li donis pri la historio kaj agado de tiu valorplena Asocio.

La 16-an de Junio okazis konkursa vespero sub gvidado de S-ro G. Groothaert kaj de F-ino M. Vanden Berghe. Premioj estis disdonataj al tiuj el la 36 ĉeestantoj, kiuj gajnis la plej multajn poentojn.

La 22-an, dudekkvin gesamideanoj kunvenis ĉe Samideanino Christiaens, en « Café de la Bourse », Granda Placo, por aŭskulti sonorilarkoncerton, kiu finiĝis per « la Espero ».

La 23-an, tridekkvar gesamideanoj kunvenis en kafejo « Vlissinghe » Post diversaj komunikajoj de la Prezidantino, S-ro Ch. Poupeye gvidis legadon de teatraĵo « Geedziĝopeto ».

Dimanĉon, 28-an, dudekses grupanoj partoprenis tre agrablan ekskurson al Bellem, laŭ propono kaj sub gvidado de Samgrupano Joseph Tanghe. La vetero estis tre favora kaj post amuza pikniko kaj promenado ĉirkaŭ la fama lago, ili iris piede ĝis Aalter. Tie ili havis tre agrablan kunestadon en kafejo kie ili gaje dancadis je bonvolema muzikado de S-ro Meeuws, S-inoj Van Roye kaj G. Verplancke, ĉe la fortepiano. La ĉeestantoj havis ankaŭ la plezuron aŭdi sian junan amiketon Urbain Verplancke, kiu kantis kaj deklamis. Post la reveno en Bruĝo, oni ankoraŭ haltis en « Café Belge », ĉe samgrupano Hasenbroeckx, de kie ĉiuj foriris kontentaj pri la bonega tago.

La 30-an de Junio, F-ino Anne-Marie Jéhansart, en la nomo

---

## Belga Esperanto-Instituto.

*(prokrastita pro lokmanko).*

Dimanĉon, la 3-an de Majo, okazis la laŭleĝa jarkunsido de Belga Esperanto-Instituto, sub la prezido de S-ro Vermandere, administranto-prezidanto, ĉirkaŭita de S-roj Jaumotte kaj Boffejon, administrantoj-delegitoj.

Post aprobo de la raporto de la administrantaro pri la agado dum la 10-a societa jaro, — (B. E. I. estis efektive fondita la 1-an de Marto 1926!) —, la ĉeestintoj aŭdis kaj aprobis la bilancon kaj kalkulon de profitoj kaj perdoj. Tiu ĉi montras netan profiton de Fr. 1.472,86, kiu kun la profita saldo de la antaŭa jaro Fr. 1.375,50 iĝas Fr. 2.846,36.

La membroj akordiĝis kun la propono de la administrantaro, ne pagi dividendon por tiu relativa malalta sumo, sed transporti la novan saldon al la sekvanta jaro.

Kelkaj citindaj ciferoj estas:

Nombro de akciuloj: 213.

| | |
|---|---|
| Kapitalo subskribita: | Fr. 133.000,— |
| pagita | Fr. 72.183,80 |
| Inventaro plena: | Fr. 89.688,47 |
| Esperantaĵoj | Fr. 75.884,42 |
| Rezervoj: amortiza: | Fr. 33.000,— |
| laŭleĝa: | Fr. 2.600,— |
| eksterord.: | Fr. 3.000,— |

Post kiam, laŭ propono de la komisaroj, la ĉeestintoj estis kvitigintaj la administrantaron kaj la komisarojn, okazis reelekto de du administrantoj kaj de unu komisaro.

Nun la Administrantaro aspektas jene: S-ro Maur. Jaumotte (1937), H. Boffejon (1938), L. De Hondt (1938), S-ro Vermandere (1939), S-ro Oscar Van Schoor (1840), S-ro Morris De Ketelaere (1941) S-ro Edg. De Coster (1942) kaj S-ro Ch. Van der Veken (1942).

La Komisaroj estas: S-ro R. Dechesne (1937), S-ino Schoofs (1938), F-ino Yv. Thooris (1939), S-ino Staes (1940), F-ino J. Morrens (1941) kaj S-ro Sielens (1942) kiu anstataŭos S-ron Vermuyten, kiu ne deziris reelekton.

Antaŭ ol S-ro Vermandere fermis la kunsidon, S-ro Jaumotte, administranto-delegito, deziris nepre gratuli sian kolegon S-ron Boffejon, kiu faris, dum la tuta jaro, la efektivan ĉiutagan laboron, rilate al la Instituto, kaj kiu tiel meritis ĉies dankemon. Aplaŭda aprobo unuanima sekvis.

# LA BELGA KONSTITUCIA LEĜO

*Dum la lastaj monatoj la manko de loko, igis nin prokrastigi la publikigon de la lastaj paĝoj de la « Belga Konstitucia Leĝo », ĉar atendis pli aktuala materialo.*
*Nun ni daŭrigas la presadon, por ke la interesuloj posedu la kompletan tekston, kun rimarkoj.*

4° La publikeco de la budĝetoj kaj de la kalkuloj ;

5° La enmikso de la Reĝo kaj de la leĝdona povo por malebligi, ke la provincaj kaj komunumaj konsilantaroj transpaŝu sian kompetentecon kaj atencu al la ĝenerala bono.

Art. 108. — Pri la 2° ni atentigu pri la kreado de diversaj societoj kun bonfara celo, kiuj estis kunmetataj dank'al helpo de Ŝtato.

Pri la 3° ni konstatu ke la publikeco de la pritraktadoj de la komunumaj konsilantaroj ne estas necesa krom kiam oni priparolas financajn aferojn. Tamen en grandaj komunumoj la kunsidoj estas publikaj same kiel devas esti tiuj de la provincaj konsilantaroj.

La 4° do permesas al la Reĝo kaj al la leĝdona povo kontroli la agadon de la konsilantaroj kaj eventuale nuligi iliajn decidojn.

Por la decidoj de provinca konsilantaro, la Reĝo nuligas, je propono de l'ministro de Internaj Aferoj ; por tiuj de la komunumaj konsilantaroj, li faras same post prokrastiga decido de provincestraro.

Art. 109. — La kunmeto de la aktoj de vivoregistriĝo kaj la enskribado de la registroj dependas ekskluzive de la kompetenteco de la komunumaj aŭtoritatoj.

Art. 109. — Tio do ne estas permesata al ekleziulo. Tiuj ĉi povas en siaj preĝejoj konservi registron de la baptoj sed tiu ĉi ne povas esti uzata kiel pruvo en juĝaj aferoj pri identeco.

PARTO IV. — **Pri la Financoj.**

Art. 110. — Neniu imposto je l'profito de la Ŝtato povas esti starigata krom per leĝo.

Neniu imposto, neniu pagigo provinca povas esti starigata sen konsento de la provinca konsilantaro.

Neniu imposto, neniu pagigo komunuma povas esti starigata sen konsento de la komunuma konsilantaro.

La leĝo fiksas rilate al la provincaj kaj komunumaj impostoj, la esceptojn, kiuj montriĝos necesaj per la sperto.

Art. 111. — La impostoj je l'profito de la Ŝtato estas decidataj ĉiujare.

La leĝoj, kiuj ilin starigas, nur valoras dum unu jaro, se ili ne estas renovigataj.

Art. 111. — La tuta financa budĝeto de la lando, do ĉiujare devas esti ree privoĉdonata.

Art. 112. — Neniu privilegio povas esti starigata pri impostaj aferoj.

Neniu liberigo aŭ malgrandigo de la imposto

---

de la dancistinoj, proponis al S-ro Groverman du fotografaĵojn de la baletoj de la Verdaj Ĉiloj kaj de la Verda Stelo, kiel dankesprimo pro lia helpemo al ilia sukcesigo. La plej juna dancistino, F-ino Monique De Vooght prezentis florgarbon. La festito esprimis sian surprizon, pro tiu neatendita honorigo kaj plej koran dankon pro la donita pruvo de simpatio. Post tio, la 44 ĉeestantoj ĝuis agrablan dancadon.

Dimanĉon, 5-an de Julio, kiel ĉiujare, la grupanoj gvidataj de S-ro Sylvain Dervaux, Honora Prezidanto, partoprenis kun la flago en la oficiala sekvantaro sur la Granda Placo okaze de la Kolonia Tago.

La 7-an de Julio en « Vlissinghe » okazis legado kaj klarigado de « Belga Esperantisto », sub gvidado de S-ro Ch. Poupeye.

La 10-an de Julio, karavano de samideanoj, plejparte Britaj, libertempantaj en Dunkerque kaj gvidataj de S-ro Appleby kaj de F-ino Tondelier, parolantino ĉe Radio-Lille, vizitis Bruĝon. Ili estis bonvenigataj en la sidejo « Cornet d'Or » de F-ino Thooris, Prez. kaj de S-ro Ed. Verbeke, estro de la hotelo. F-ino Cécile Willems, S-roj Ch. Poupeye kaj H. Campe gvidis ilin tra la urbo.

La kunveno de la 14-a de Julio estis ĉefe dediĉata al daŭrigo kaj fino de la legado de ludota teatraĵo « Geedziĝopeto », sub gvidado de S-ro Ch. Poupeye. Aranĝoj estis prenataj por ekskurso al Blankenberghe por la 26-a de Julio.

√ BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — F-ino Jennen, Prezidantino, organizis interesan propagandekspozicion en la lernejo n° 2 de St-Gilles, kies Direktorino ŝi estas. En la superaj klasoj, vidiĝis interesaj korespondaj dokumentoj kaj belega japana pupo, sendita de la infanoj el la japanaj lernejoj.

√ GENTO. — **« Genta Grupo Esperantista ».** — Dum Junio oni daŭrigis la merkredajn lecionojn kaj la agrablajn perfektigajn lecionojn.

En ĝenerala kunsido de la dekdua de Junio, estis aprobata fundamenta regularo de la grupo.

La Ĵaŭdon, 9-an de Julio, okazis, ĉe S-ino De Rycke, la monata grupa kunveno ; oni deklamis, kantis kaj agrable revivigis sian lertecon en la uzo de Esperanto.

De nun, ĝis en Oktobro, la merkredaj kunsidoj, pro la libertempo, ne plu okazos.

La 7-an de Julio okazis la lasta kursvespero de la lernojaro. La novaj kursoj komenciĝas en komenco de Oktobro.

La 8-an de Julio, la grupo aranĝis amuzan vesperon en la kadro de ĉiumonata kunveno ĉe S-ino De Rycke. Oni prezentis teatraĵeton, ludis societludojn kaj tiel bonege amuzante, efike ekzercadis sin en la lingvo.

√ LIEĜO. — **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.** (Grupoj de Lieĝo, Chênée, Sclessin). — La grupoj ree aranĝis programon de komunaj ekskursoj. La unua, kiu okazis la 21-an de majo, arigis, malgraŭ la necerteco de la vetero, dekkvinon da gesamideanoj, kiuj faris belan promenadon al Jemeppe, Les Trixhes, Chokier, Flémalle.

La 14-an de junio, kvankam denove la vetero estis minacanta, kelkaj kuraĝuloj ne timis efektivigi la tiutagan ekskursan projekton. Ili cetere tion ne bedaŭris kaj plej agrable pasigis kelkajn horojn en la pentrinda pejzaĝo de Beau-Site, Bois St. Jean, Sart-Tilman.

Krom tio, la perfektigaj kunvenoj daŭris okazi kun la sama sukceso en la diversaj grupejoj.

## Familia Kroniko.

### GRATULOJ.

— Al F-ino Suzanne DE KERSGIETER, Bruĝo, pro akiro de diplomo pri ornama arto. — 25-6-36.

— Al F-ino Cécile WILLEMS, Bruĝo, kaj al S-ro Geo STAELENS, Blankenberghe, kiuj akiris diplomon, kiel ambulancist(in)o kaj helpant(in)o de la Publika Saneco. 26-6-36.

— Al F-ino Juliette BOEDT, Bruĝo, kiu sukcesis preparan ekzamenon pri savado, kaj al F-ino Corrie LEIBRAND, Bruĝo, kiu sukcesis profesoran ekzamenon, pri savado kaj naĝado ambaŭ en Antverpeno. — 28-6-36.

— Al F-ino Marcelle BONGE, La Louvière, kiu estis akceptata en la danca artistaro de la Reĝa Teatro de la « Monnaie », en Bruselo.

### NEKROLOGO

La 12-an de Julio mortis F-ino Emma LONGÉ, de longaj jaroj helpema membrino de la Bruĝa Grupo. Sinceran kunsenton al ŝia funebranta fratino.

# U. E. A.

## De Ĝenevo al Londono.

**Centra oficejo : 142, High Holborn, London, WCI.**

En Ĝenevo, la 4-an de Julio, tri-persona komisiono kontrolis la ensenditajn voĉdonilojn, kaj konstatis, ke la rezulto de la voĉdonado estas jena : —

Dissenditaj voĉdoniloj, 1400. Resenditaj validaj voĉdoniloj 901, el kiuj 710 aprobis la translokigon de la Centra Oficejo al Londono, kaj 191 voĉdonis kontraŭ ĝi.

La translokigo okazis jam, kaj de nun oni sendu ĉiujn leterojn, gazetojn, ktp. por UEA al 142, High Holborn, London, W. C. 1, Anglujo kie oni ordigos ĉion kiel eble plej rapide, kaj esperas ke tre baldaŭ la oficejo tiel bone funkcios, ke ne plu okazos prokrasto en respondoj al leteroj aŭ liverado de dokumentoj kaj libroj. Oni esperas, ke ĉiu Esperantisto kiu povas, aliĝos aŭ realiĝos al UEA por helpi ĝin en la plej danĝera momento de ĝia vivo. La jarlibro estas jam preta, kaj povas esti sendata tuj post ricevo de la kotizo.

## Je l'Honoro de niaj Verkistoj.

En la kadro de la nunjara Hungara Esperanto-Kongreso, la 15-an de Aŭgusto, oni festos la 25-jaran jubileon de **Julio Baghy** kaj **Kolomano Kalocsay**.

Ambaŭ poetoj ĉi-jare finas la dudekkvinan jaron de sia esperantistiĝo. Je tiu okazo la arangantaro invitas ĉiujn esperantistojn al Budapest. Por pli solenigi la feston, volonte la arangantoj legos ankaŭ salutleterojn, kies parto aperos en la JUBILEA ALBUMO eldonota de la aranĝanta komitato je tiu okazo.

Salutleteroj estas sendotaj al la adreso. D-ro Francisko Szilàgyi, Budapest, VII., Peterdy-u 38. Hungarujo. por Baghy-Kalocsay jubileo.

povas esti starigata se ne estas per leĝo.

Art. 113. — Krom la okazoj formale esceptataj per la leĝo, neniu pago povas esti postulata de la civitanoj, se ne estas kiel imposto profite al la Ŝtato, al la provinco kaj al la komunumo. Neniu ŝanĝo okazas rilate la ekzistanta aranĝo de la " polderoj " kaj " vateringoj ", kiuj dependos de la ordinaraj leĝoj.

Art. 113. — La « polder »-teroj estas aluviaj teroj laŭlonge de la maro kaj riveroj. La posedantoj de tiuj teroj estas devigataj aranĝi la digojn kaj tial ekstariĝis specialaj direkcioj de « vateringoj » ni diru akvodirekcioj, kunmetataj el delegitoj de tiuj posedantoj. Estas pri ili, ke temas en tiu ĉi artikolo. Ili havas specialan situacion, kiun oni lasis tia, kia ĝi estis antaŭ la starigo de la Konstitucia Leĝo.

Art. 114. — Neniu pensio, neniu mondonaco povas okazi je l'kosto de la publika Trezoro, krom per leĝo.

Art. 115. — Ĉiujare la Ĉambroj decidas pri la kalkulleĝo kaj la budĝeto.

Art. 115. — Vidu Art. 111.

Art. 116. — La membroj de la Konta Kortumo estas nomataj de la Deputitaro kaj por daŭro fiksata per la leĝo.

Tiu ĉi kortumo devas ekzameni kaj likvidi la kalkulojn de la ĝenerala administrado kaj de ĉiuj, kiuj ŝuldas kalkulojn al la publika Trezoro. Ĝi priatentas, ke neniu artikolo de la elspezoj de la budĝeto estu superata kaj ke neniu translokigo okazu. Ĝi fermas la kalkulojn de la diversaj ŝtataj administracioj kaj devas tiucele kolekti ĉiujn necesajn informojn kaj registrajn dokumentojn. La ĝenerala kalkulo de la Ŝtato estas submetata al la Ĉambroj kun la rimarkoj de la Konta Kortumo.

Tiu ĉi Kortumo estas organizata per la leĝo.

*(Fino en sekvanta numero).*

**Kelkaj utilaj informoj.**

*Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj. P. Ĉ. K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (Wilrijck-Antverpeno).*

*Por pagoj de kotizoj, loĝado, festeno kaj aliaj aranĝoj dum la jara Kongreso : P. Ĉ. K. 1119.10 en la kongresa urbo, nun Antverpeno.*

*Por pagoj al U. E. A. : P. Ĉ. K. 4108.89 de la ĉefdelegito S-ro De Ketelaere (Speciala Numero), Antverpeno.*

*Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto : P. Ĉ. K. 1689.58, Antverpeno (Willemsstrato, 21).*

**Estraro de « Belga Ligo Esperantista ».**

Prezidanto : Dro Paul Kempeneers, 19, Avenuo Montjoie, Uccle. (Tel. 44.53.00).

Vicprezidanto : S-ro Léon Cogen, 52, Dreef, Ninove.

Vicprezidantino : F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat, R. de l'Outre Bruĝo. (Tel. 320.86).

Ĝenerala Sekretario *ad interim* kaj Kasisto : S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno), (Tel. 777.58).

Ĉefdelegito de U.E.A. : S-ro Morris De Ketelaere, 25, Oostenstraat, Antverpeno. (Tel. 962.46).



Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.